## Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

**En landoj:**

| | |
|---|---|
| **Angla:** | F-ino Morton, 49 Mount Pleasant Rd., Dalton, Huddersfield. |
| **Aŭstra:** | Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72487. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉila: | E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago. |
| Estona: | Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn. |
| Franca: | Pierre Pichon, Etriché (Maine et Loire.) |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer. ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, Provenza, 99, 1°. 4, a, Barcelona. |
| Hungara: | Bleier Vilmos, Boráros tér 6, IV. 11. Budapest, IX. |

**En landoj:**

| | |
|---|---|
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petroviĉ, Novosadska 7, Pirot. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | Mok. A. Prapuolenis, Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte. Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90544. |
| Norvega: | Nils Okland, Rommesveit. Stord. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Ludolf Königsweg 6, Danzig. |
| Sveda: | Emfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6. Stockholm, poŝtĝiro 50304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo. |
| Urugvaja: | Pedro Casas, San José 1123, Montevideo. |
| U. S. A.-a: | David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor. |

## Atentu!

**Unueca abonprezo por ĉiuj negermanaj abonantoj estu 1 USA-dolaro aŭ egalvalora valuto!**

---

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer". Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 1163, poŝtĉekkonto: Dresden 15609.



---

## Pro korekta pago

**estas nepre necese, ke ĉiu atentu la novan kotizon por ĉiuj negermanaj abonantoj!**

## 1 USA-dolaro!

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

10-a jaro. Numero 4
Aprilo 1931

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 263 79
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.



## Voĉoj de l' Homaro.

### Antaŭ gravaj decidoj staras la vivo de l' popoloj kaj rasoj.

Finiĝis jam definitive por la popoloj la tempo de izoleco. Ĝis antaŭ nelonge ekzistis ankoraŭ gentoj kaj rasoj eltrovotaj unu de la alia, ekzistis ankoraŭ gentoj kaj rasoj nekonataj eĉ al tiuj nacioj, kiuj per altperfektaj komunikiloj trapenetris la tutan surfacon de la terglobo. Nun certe la lastaj blankaj makuloj estas malaperantaj de sur la geografiaj kartoj. Sed longtempe ankaŭ post la venko de la materiaj komunikbaroj kaj post la elflorado de la komerca interŝanĝo restas la izoleco de kulturoj kaj pensmanieroj. Inter nacioj kaj rasoj evoluis senmezuraj diferencoj de teknikaj, sciencaj kaj individuaj rimedoj, — diferencoj, el kiuj estiĝis danĝeraj plipezoj de grandaj kulturgrupoj je aliaj, ekzemple de Eŭropo-Ameriko kontraŭ Azio kaj Afriko. Sekvis, el tiu stato, ĉiama subpremado, ekspluatado, sklavigado, militado inter ĉiuj terpartoj, senĉesa sanga mezurado de fortoj, eĉ kaj precipe inter la nacioj de plej alta intelekta kulturo. Tial el la strukturo de la nuntempo estiĝis kiel plej granda problemo la tasko venki la danĝerajn diferencojn inter la terglobaj homgrupoj, — la demando, ĉu ĉiama milito aŭ fina paco estas la destino de la homaro.

(El „Jarmiloj pasas“, universala historio, verkita originale en Esperanto de H. Haefker, eldonejo: Heroldo de Esperanto, Brüsseler Str. 94, Germanujo. — La supra ekstrakto estas la komenco de l' unua parto sub titolo „Antaŭe . . .“.)

---

## Eduko kaj „Pedajo“.

### Tria letero.

Kara kolegino, kara kolego!

(1) Bonvolu pardoni min, ke la antaŭa letero ĉagrenis vin. Kial mia nuda klarigo de la termino „eduko“ kaŭzis malĝojeton al vi? Mi ja kritikis nur la nomon, ne la fakton mem.

(2) Bedaŭru min kiel (vi bedaŭras) malfeliĉulon, ĉar mi ankaŭ ne povas konsenti la nomon „klerigisto“, la plej modernan nomon por nia profesio. Estas hodiaŭ eĉ ministroj por popolklerigo. Sed mi aŭdas el tiu nomo arogetan oferton. Mi vidas en tiu nomo ruzetan lumreklamon.

(3) La vorto „klera“ estas parenca al la vorto „klara“, kiu devenas de la latina adjektivo „clarus“ (france: clair, angle: clear). Romanaj kaj ĝermanaj esperantistoj povas sente kompreni la signifon de la vorto „klera“ en la senco: k l e r a homo estas spirite k l a r a homo. Aliaj esperantistoj ekkonas tiun parencecon nur lingvistike.

(4) Kompare al la malnovaj vortoj „instrui“ kaj „eduki“ la vorto „klera” estas moderna termino. Esperanto heredis ĝin el la okcidenteŭropa kultursituacio de la 18-a jarcento. Kiu konas la historion eŭropan, tiu kunligas interne la nomojn: la 18-a jarcento kaj k l e r a e p o k o. En tiu tempo parto de la burĝaro apartigis sin de la popolamaso kaj de la kasto nobela per „k l e r o k a j p o s e d o“. Al tiu nova klaso apartenis ŝtata oficistaro, akademiuloj, kapitalistoj kaj kelkaj nobeluloj spiritemaj.

(5) La patroj spiritaj de tiu kulturo estis Descartes, Spinoza, Locke. Laŭ ilia filozofio la r a c i o estu lasta provilo de la vero. Descartes skribis: „Ĉio tio estas vera, kion mi pensas tute klare kaj distinge.“ La termino „klare“ en tiu klasika frazo estas la ĝermo de la nocio „klero“. La lumo de racio heligu malhelan intelekton per klaraj nocioj: tio estis la deziro de filozofoj kaj pedagogoj de la „klera epoko“.

(6) Tiun postulon (homojn klerigi, france: éclairer, angle: enlighten) J. G. Sulzer, pioniro de la burĝa lernejo de la 18-a jarcento, esprimis jene: „La ĉefa celo en eduko rilate al intelekto estu tio, ke oni kondukas infanojn al tio, ke ili ricevu nociojn plejeble klarajn. Tiu frazo estas inda, esti skribata per oraj literoj en muron de ĉiu ĉambro lerneja.“

(7) Estas interese, ke la radiko de la rusa kaj ukraina vortoj por „klerigo“ ankaŭ signifas: lumon. La ukraina vorto „Osviti“*) signifas verdire „eklumigo“, la rusa „Prosveŝĉenija“: „tralumigo“. Estas strange kaj iomete kurioze, ke Sovetia Popolkomisario heredis sian nomon de burĝa ideo. La nomo „klerigo“ taŭgas por ŝtata eduko nur tie, kie la popolamaso estas ankoraŭ senlitera.

(8) Kara kolegino, kara kolego! Ne mallaŭdu min, se mi kritikas la nomon „klerigisto“. Laŭ mia opinio la esprimo „klerigo“ havas negativan karakteron, nome: malhelecon malestigi, malklarecon malaperigi. Estus pli ĝuste, se la nomo de pedagogia ĉefprocedo estus pozitiva, ĉar ni povas nur flegi ion, kio jam ekzistas. Estas ne rekomendinde. elekti por nia profesio nomon, kiu aludas mallongan epokon de la historio, eĉ se ĝi koncernas la glorindan „kleran epokon“.

Bonvolu serĉi pli taŭgan terminon por nia sennoma profesio kun via sindona kolego Kurt Riedel.

---

*) Vidu la nomon de la ukraina ŝtata fakgazeto „La vojo de klerigo“.

# Rezulto de enketo pri geometria instruado popollerneja en ne-germanlingvaj, precipe eŭropaj landoj.

De Johs. Kurt Haubold, Riesa, Germanlando.

2. Meza kurso (5-a kaj 6-a lernjaroj): Intuiciaj lernado kaj reprezentado per desegno de la figuroj de la ebena geometrio. Elementaj konoj pri la uzado de la longoj sur la planoj kaj landkartoj je donita skalo. Praktikaj elementaj konoj pri la simplaj geometriaj volumenoj (kubo, rekta prismo). Elementaj konoj pri ilia geometria reprezentado (rapida skizo kun aldono de la koncernaj nombroj). Cirklo. Ĝia partigo je 360 gradoj. Kvadrato, regula sesangulo, regula triangulo ĉirkaŭskribita per cirklo.

3. Supera kurso (7-a kaj 8-a lernjaroj): Tre elementaj konoj pri ebena geometrio. Cirklo: Ĝia partigo je 400 gradoj. Plej simplaj kalkuladoj pri termezurado. Tre elementaj konoj uzataj por la geometria desegnado. (Tiu plano estas starigita de la ministro Bérard la 23-an de Februaro 1923, en ĝenerala instruplano por ĉiuj instrufakoj de la unuagradaj publikaj lernejoj. Ĝi anstataŭis la ĝeneralan instruplanon ellaboritan en la jaroj 1882 kaj 1887 de la tiamaj ministroj por publika klerigo.)"

En Bulgario devas esti pritraktataj jenaj objektoj, materioj kaj funkcioj:

„3-a lernjaro: Formoj de paralelogramo, kubo, prismo, konuso, piramido, sfero, cirklo, cilindro, triangulo, kvarangulo, multangulo. Ne estas donataj difinoj.

4-a lernjaro: Korpo, edro, linio, punkto, skalo (mezurilo), angulo, cirklo, kvadrato, mezuriloj por areoj, plano de lokoj, triangulo, rombo, romboido, trapezo, trapezoido, periferio de cirklo.

5-a lernjaro: Fizikaj kaj geometriaj korpoj. Edro, linioj. Cirklo: diametro, kaj grado, horo, minuto, sekundo, anguloj.

6-a lernjaro: Kvaranguloj. Trianguloj. Multanguloj. Trapezo, trapezoido. Cirklo.

7-a lernjaro: La klasĉambro kiel geometria korpo kaj ĝia mezurado. Kubo kaj kubaj mezuriloj. Geometriaj korpoj: Prismo, piramido, cilindro, konuso, sfero — kaj iliaj volumenoj. Simileco de la edroj. Praktika apliko de la simileco de trianguloj por mezurado de nealireblaj spacoj, karto-desegno ktp."

La aritmetika lernplano por la popollernejoj de Litovio en la organo de Kleriga Ministerio »Švietimo Darbas«, n-ro 10 de 1925, enhavas ankaŭ geometrian instruplanon. (La nombro de la lecionoj ne estas fiksita en la plano. Ili estas enhavataj en la lecionoj por kalkulado, t. e. en 3-a kaj 4-a klasoj 5, en 5-a kaj 6-a klasoj 3 lecionoj posemajne):

„3-a klaso (vizitata de 9—10-aĝaj gelernantoj dum 3-a kaj 4-a lernjaroj): Desegnado de rektaj linioj, ilia mezurado kaj dividado. Desegnado de kvar- kaj trianguloj; de anguloj kaj ilia komparado. Rekta angulo. Cirklo: radio, diametro, arko. Mezurado de anguloj per angulmezurilo. Areo de rektangulaj kvar- kaj trianguloj.

4-a klaso: Areo de paralelogramoj, de tri- kaj multanguloj per ties partigo en triangulojn. Mezurado de cirklo kaj rilato inter periferio kaj diametro.

Mezurado kaj kalkulado de rektangula prismo kaj de cilindro (surfacojn kaj volumenojn). Volumeno de sfero. Desegno de plano.

5-a kaj 6-a klasoj: Plano ĝis nun ne publikigita, ĉar tiaj klasoj ankoraŭ troviĝas nur en tre malmulte da lokoj."

Nur en unu sola kazo (Nov-Zelando) estas raportite, ke dum la du lastaj jaroj estas pritraktataj krom kelkaj simplaj konstrutaskoj 10 ĉapitroj el la 1-a libro de Eŭklid.

Kompare al tio aliaj materioj kaj taskoj, inter aliaj ankaŭ nomitaj en la planoj franca kaj bulgara, ŝajnas al ni pli multe konformaj al la karaktero de la popollernejo, al ĝia labormaniero kaj ĝiaj taskoj, ekzemple kiam estas postulataj konstruado de planoj laŭ reduktita skalo (Jugoslavio, Latvio), fiksado de rektoj kaj mezurado sur kampo (Hungario, Latvio, Svedio), precipe per memfaritaj helpiloj (Sovjetunio). Aŭ oni enkondukas en la elementojn de funkcioj, se estas konstatataj diversaj rilatoj, ekzemple inter lateraj longoj kaj areo, inter surfacoj kaj volumeno (Estonio). Aŭ la plano speciale atentigas pri „la geometrio en vivo kaj naturo" (Litovio), pri la geometriaj formoj, troviĝantaj en la ludoj de la infanoj, aŭ aperantaj al ni en la naturo belaj (Turkio).

### 5. Lerniloj por la uzado de la infanoj.

Specialaj lernolibroj por la geometria instruo verŝajne estas enkondukataj nur malmultaj, almenaŭ ili estas menciataj nur en raportoj el Bulgario, Finnlando, Norvegio, Polio kaj Svedio. Cetere laŭ respondoj al la aliaj demandoj ĉefe temas pri uzado de la tasko-kolektoj uzataj dum kalkulada instruo kaj ankaŭ enhavantaj geometriajn taskojn. Kiel specialajn lernilojn oni citas egalmaniere en ĉiuj raportoj: Kajero, krajono, liniilo kun skalo, angulmezurilo, cirkelo, ortangulo. Grave ŝajnas al mi, ke estas precipe akcentata la uzado de papero kaj kartono kaj de la tondilo en la raportoj el diversaj landoj (Bulgario, Danio, Hispanio, Latvio, Litovio, Nov-Zelando, Svedio, Sovjetunio). Tiu ĉi konstato montras, ke oni en nia instrufako cedas lokon al la manlaboro. Rilate al tio ni ankaŭ legas en pluraj raportoj, ke necesaj lerniloj, modeloj de korpoj, pritraktendaj edroj estas plejeble amplekse farataj de la infanoj mem (Ĉeĥoslovakio, Estonio, Francio, Grekio, Hispanio, Italio, Jugoslavio, Rumanio). Cetere krom papero kaj kartono estas ankoraŭ uzataj metalo, certe ĉefe fera drato (Francio, Italio, Jugoslavio), ligno (Grekio), ardezo kaj gipso (Hispanio), argilumo (Grekio), precipe ŝatata pro sia malkareco (Rumanio).

Do montriĝas, ke ĉie labormaterialoj estas uzataj, kiuj estas nepre taŭgaj por la specialaj instruceloj kaj kiuj povas esti havigataj per la infanoj sen konsiderindaj monelspecoj. Ke malgraŭ tio kelkiu ne kapablas, trovi tiun ĉi vojon, kvankam ĝi estas tiom larĝa kaj facile irebla, pri tio preskaŭ ĉiu mem povas konvinkiĝi. Ni tute ne bezonas la konstaton de kolego (Sovjetunio), ke la gelernantoj posedas ankoraŭ tre malmultajn instru- kaj lernilojn por la geometria instruo, ke ĝis antaŭ nelonge nenio el tiuj troviĝis; nur samtempe kun la evoluo de la ekonomia stato ankaŭ evoluas la materialprovizado de la lernejoj.

(Daŭrigo.)

———

# Sporto — Mondlingvo — Mondpaco.

## Tutmonda sportotago.

### Sveda trikonkuro.

Ni vivas en la epoko de la sporto. Tion konfirmas la rilatoj de la gazetaro kaj de la komerco laboranta per modernaj reklammetodoj al la sporta movado. Ne ekzistas pli efika maniero konigi ion ajn ol la utiligo de la publika intereso al la sporto. Se iu volas konigi al la granda publiko iun certan firmon aŭ fabrikaĵon, li devas nur donaci valorajn premiojn por sportaj konkursoj aŭ nomigi iun novan artiklon per la nomo de konata kaj eminenta sportisto.

La gvidantoj de la Esperanto-movado devas konsciiĝi pri tiu fakto kaj aranĝi la propagandon de Esperanto laŭ tio.

La homoj de la tuta mondo estas ĉie similaj. Ĝenerale ni pli interesiĝas pri boksado inter du famaj boksistoj en Usono ol pri porpaca konferenco en Ĝenevo. Svedujo estas malgranda lando havanta nur iom pli ol 6 milionojn da loĝantoj. Sed kiu gazeto kie ajn sur la terglobo lastan someron kaj aŭtunon ne detale priparolis aŭ priskribis la danĝeroplenan balonveturadon kontraŭ la norda poluso de la svedo Andrée, finiĝinta per la pereo en la norda glacimaro de la grandfamo, se lia vivo kaj laboro de scienculo estus finiĝinta per doloroplena morto en lia laborĉambro?

Ke la nuna sveda reĝo Gustavo V-a estas eminenta tenisludisto spite sian grandan aĝon, tion scias ĉiu tenisludisto en la tuta mondo. Sed kiom multaj el la tutmonda pac- kaj kulturamikaro ankaŭ scias ke la sama reĝo dum la terura mondmilito unuigis reciproke la tri landojn Danujo, Svedujo kaj Norvegujo por komuna pacunuiĝo?

Nova mondrekordo en naĝado apenaŭ povas esti nomata kultura grandfaro. Spite tion la fama sveda naĝisto Arne Borg estas multe pli konata tra la tuta mondo ol la nomoj de la plej eminentaj svedaj granduloj sur la kampoj de la kultura vivo.

Se la internacia Esperanto-movado povas utiligi la intereson por sporto ekzistantan en ĉiuj popoloj kaj klasoj sociaj, tio signifos pli multe por la distastigo de Esperanto ol se eĉ la Ligo de Nacioj akceptus Esperanton kiel sian sole oficialan lingvon por siaj traktadoj kaj diskutoj.

Por la evoluo de la mondlingva movado estas pli signifoplena afero, ke ĉiuj skribaĵoj koncerne la aranĝadon de la Olimpaj Ludoj estas skribitaj esperantlingve ol tio, ke oni uzos Esperanton kiel solan traktadlingvon ĉe fakaj- aŭ abstinenculaj kongresoj.

Jes, ekzistas certe neniu pli efika maniero enkondukigi Esperanton en ĉiujn lernejojn de la mondo kiel obligatoran temon ol utiligi la sportan movadon en la servo de Esperanto!

La skribanto de ĉi tiuj linioj ne vidas en Esperanto iun memcelon. Esperanto estas la benata kaj beninda r i m e d o certigi la mondpacon kreante interkomprenon inter la popoloj de la tero. Se la mondlingva movado povas en efika maniero utiligi la sportomovadon, oni per tio gajnus pli multe ol tio, kion ĉiuj packongresoj de la tuta mondo ĝis nun povis efektivigi. Tio devas fariĝi kredo-tezo de ĉiu esperantisto kaj laŭ ĝi ni agu.

Sed tie ĉi amasiĝas la problemoj. Kiel oni faru tiun laboron?

Du vojoj estas por nia elekto. Unu estas, ke ĉ i u j gazetoj esperantaj en la tuta mondo starigas specialan kolonon por sporto enhavanta pli rimarkindajn novaĵojn sur la kampo de la internacia vivo sporta. Kontakte kun tio ĉiuj grupoj esperantaj devas provizi la lokajn nacilingvajn gazetojn per informoj pri la sportaj okazaĵoj ĉiam donante la nomon

## Poenta tabelo por vetkurado 60-metra.

La aĝociferoj en la supra linio rilatas al rezultatoj de knaboj.
La aĝociferoj en la suba linio rilatas al rezultatoj de knabinoj.

| Knaboj | | | | | Tempo Sekundoj | Knaboj | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | 12-jaraj kaj pli junaj | 13-jaraj | 14-jaraj | | 15-jaraj | Knaboj 16-jaraj | 17-jaraj kaj pli aĝaj |
| 0 | | | | | 14,0 | | | |
| 25 | | | | | 13,9 | | | |
| 50 | | | | | 13,8 | | | |
| 75 | | | | | 13,7 | | | |
| 100 | | | | | 13,6 | | | |
| 125 | 0 | | | | 13,5 | | | |
| 150 | 25 | | | | 13,4 | | | |
| 175 | 50 | | | | 13,3 | | | |
| 200 | 75 | | | | 13,2 | | | |
| 225 | 100 | | | | 13,1 | | | |
| 250 | 125 | 0 | | | 13,0 | | | |
| 275 | 150 | 25 | | | 12,9 | | | |
| 300 | 175 | 50 | | | 12,8 | | | |
| 325 | 200 | 75 | | | 12,7 | | | |
| 350 | 225 | 100 | | | 12,6 | | | |
| 375 | 250 | 125 | 0 | | 12,5 | | | |
| 400 | 275 | 150 | 25 | | 12,4 | | | |
| 425 | 300 | 175 | 50 | | 12,3 | | | |
| 450 | 325 | 200 | 75 | | 12,2 | | | |
| 475 | 350 | 225 | 100 | | 12,1 | | | |
| 500 | 375 | 250 | 125 | 0 | 12,0 | | | |
| 525 | 400 | 275 | 150 | 25 | 11,9 | | | |
| 550 | 425 | 300 | 175 | 50 | 11,8 | 0 | | |
| 575 | 450 | 325 | 200 | 75 | 11,7 | 25 | | |
| 600 | 475 | 350 | 225 | 100 | 11,6 | 50 | 0 | |
| 625 | 500 | 375 | 250 | 125 | 11,5 | 75 | 25 | |
| 650 | 525 | 400 | 275 | 150 | 11,4 | 100 | 50 | 0 |
| 675 | 550 | 425 | 300 | 175 | 11,3 | 125 | 75 | 25 |
| 700 | 575 | 450 | 325 | 200 | 11,2 | 150 | 100 | 50 |
| 725 | 600 | 475 | 350 | 225 | 11,1 | 175 | 125 | 75 |
| 750 | 625 | 500 | 375 | 250 | 11,0 | 200 | 150 | 100 |
| Ĉiam progresas je 25 ĝis 1000 | | | | | ĉiam je 0,1 progresas ĝis 7,4 | Ĉiam progresas je 25 ĝis 1000 | | |
| 12-jaraj kaj pli junaj | 13-jaraj | 14-jaraj | 15-jaraj | 16-jaraj | | 17-jaraj kaj pli aĝaj knabinoj | | |
| knabinoj | | | | | | | | |

de tiu esperanta gazeto, el kiu la novaĵoj estas ĉerpitaj. Tion devas fari ĉ i u j grupoj en ĉ i u j lokoj de la terglobo. Ili povas aspekti jene: „Laŭ informo en Heroldo de Esperanto estis aranĝata konkurso sporta inter gelernantoj de la lernejoj de Hernösand, Svedujo kaj Tokio, Japanlando. En la konkurso partoprenis 5000 infanoj. La konkurso estas branĉo de la penadoj krei interkomprenon inter gelernantoj en malsamaj landoj kaj mondpartoj. (Tie ĉi estas necesa rimarkigo por eviti miskomprenojn! La citita frazo ne estas reale okazinta afero, sed nur ekzemplo de la maniero, en kiu povas esti skribotaj tiaj gazetinformoj. Tamen

## Poenta tabelo por longsalto kun ekkuro.

**Tabelo A.** La aĝociferoj en la supra linio rilatas al rezultatoj de knaboj.
La aĝociferoj en la suba linio rilatas al rezultatoj de knabinoj.

| Knaboj | | | | | Rezultatoj cm. | Knaboj | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | 12-jaraj kaj pli junaj | 13-jaraj kaj pli junaj | 14-jaraj | | 15-jaraj | 16-jaraj kaj pli aĝaj | 17-jaraj kaj pli aĝaj |
| 0 | | | | | 150 | | | |
| 100 | 0 | | | | 175 | | | |
| 200 | 100 | 0 | | | 200 | | | |
| 300 | 200 | 100 | 0 | | 225 | | | 325 cm |
| 400 | 300 | 200 | 100 | 0 | 250 | | | poentoj |
| 500 | 400 | 300 | 200 | 100 | 275 | 0 | | |
| 600 | 500 | 400 | 300 | 200 | 300 | 100 | 0 | 0 |
| 1 000 | 900 | 800 | 700 | 600 | 400 | 500 | 400 | 300 |
| | 1 300 | 1 200 | 1 100 | 1 000 | 500 | 900 | 800 | 700 |
| | | | | | 600 | 1 300 | 1 200 | 1 100 |
| 12-jaraj kaj pli junaj | 13-jaraj | 14-jaraj | 15-jaraj | 16-jaraj | | 17-jaraj kaj pli aĝaj | | |
| Knabinoj | | | | | | Knabinoj | | |

Rimarku! 4 poentojn oni ricevas por ĉiu cm. kiu superas la minimuman rezultaton donitan por 0 poentoj.

**Informoj pri la uzado de la poenta tabelo:**

1. Rezultatojn de 300 cm kaj pli altajn oni serĉu en la tabelo mem, ĉe tio oni serĉu poentnombrojn por plenaj metroj en tabelo A kaj poentojn por pliaj cm. La sumo de ambaŭ poentnombroj diras poentojn por la atingita saltolongeco.

Ekz. 14-jara knabo saltas 387 cm. Laŭ tabelo A li ricevas 200 poentojn por 300 cm kaj 87.4 = 348 poentojn por la pliaj 87 cm, sumo 548.

2. Poentojn por rezultatoj sub 300 cm oni ricevas subtrahante la saltrezultaton per tiu cifero, kiu por resp. aĝoj respondas al 0 poentoj. La poentojn por restanta cifero oni kalkulu multiplikante per 4.

Ekz.: 14-jara knabo saltas 287 cm. Por 250 cm li ricevas 0 poentojn. 287 subtrahita per 250 estas 37. Por 37 cm li ricevas 37.4 = 148 poentojn.

3. Laŭ tabelo A 17-jarulo ricevas 0 poentojn por 325 cm. Pli malaltan rezultaton ol 400 cm oni pro tio subtrahu per 325.

---

estas verŝajne, ke estonte tiaj informoj trakuros la tutmondan gazetaron!)

Kiel ekzemplon pri tio, kiel oni povas fari propagandon por Esperanto per la helpo de la sporta movado mi volas nomi la svedan ĵurnalon „Gymn". La tre altnivelan enhavon de tiu ĵurnalo kaj ĝian kulture noblan programon oni jam, dank' al la esperanta aldono de la nomita ĵurnalo, tradukis en sufiĉe grandan nombron da lingvoj diversaj. En tio kuŝas fingromontro al la maniero, laŭ kiu ni povas eniri en la mondgazetaron.

Sur ĉiuj kampoj de la vivo sin evidentigas konstanta konkuro. Konkuroj povas konduki en rivalecon kaj malamikecon, kion vere montras Olimpaj Ludoj kaj por-militaj armig-konkuroj. Sed utiligitaj en ĝusta maniero konkuroj povas aperigi la plej bonajn ecojn de individuoj kaj klasoj sociaj, de popoloj kaj rasoj. Tio estas evidenta fakto speciale pri konkursoj en aroj.

**Se la internacia Esperanto-movado povas aranĝi arajn konkursojn por la gelernantaro de la tutmonda lernejaro, ne**

## Poenta tabelo por ĵeto per malgranda pilko.

Pezo 60—80 gramoj, komuna sumo por ambaŭ manoj.

**Tabelo B.** La aĝociferoj en la supra linio rilatas al rezultatoj de knaboj. La aĝociferoj en la suba linio rilatas al rezultatoj de knabinoj.

| | | Knaboj | | | Rezultatoj cm | Knaboj | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | 12-jaraj kaj pli junaj | 13-jaraj | 14-jaraj | | 15-jaraj | 16-jaraj | 12-jaraj |
| 0 | | | | | 1 000 | | | |
| 125 | 0 | | | | 1 500 | | | |
| 250 | 125 | 0 | | | 2 000 | | | |
| 375 | 250 | 125 | 0 | | 2 500 | | | |
| 500 | 375 | 250 | 125 | 0 | 3 000 | | | |
| 625 | 500 | 375 | 250 | 125 | 3 500 | 0 | | |
| 750 | 625 | 500 | 375 | 250 | 4 000 | 125 | 0 | |
| 875 | 750 | 625 | 500 | 375 | 4 500 | 250 | 125 | 0 |
| 1 000 | 875 | 750 | 625 | 500 | 5 000 | 375 | 250 | 125 |
| | 1 000 | 875 | 750 | 625 | 5 500 | 500 | 375 | 250 |
| | | 1 000 | 875 | 750 | 6 000 | 625 | 500 | 375 |
| | | | 1 000 | 875 | 6 500 | 750 | 625 | 500 |
| | | | | 1 000 | 7 000 | 875 | 750 | 625 |
| | | | | | 7 500 | 1 000 | 875 | 750 |
| | | | | | 8 000 | 1 125 | 1 000 | 875 |
| | | | | | 8 500 | 1 250 | 1 125 | 1 000 |
| | | | | | 9 000 | 1 375 | 1 250 | 1 125 |
| | | | | | 9 500 | | 1 375 | 1 250 |
| | | | | | 10 000 | | | 1 375 |
| 12-jaraj kaj pli junaj | 13-jaraj | 14-jaraj | 15-jaraj | 16-jaraj | | 17-jaraj kaj pli aĝaj | | |
| | | Knabinoj | | | | | | |

Rimarku! 0,25 poentojn oni ricevas por ĉiu cm kiu superas la minimuman rezultaton montritan por 0 poentoj; por ĉiu plia cm oni ricevas 0,25 da poento.

**Informo por la uzado de la poentaj tabeloj.**

1. Ekz.: 14-jarulo ĵetas 5.564 cm. Laŭ tabelo B li ricevas 625 poentojn por 5.500 cm kaj por 64 cm 16 poentojn, do kune 641 poentojn.

2. Ekz.: Rezultatoj, per 101—499 cm superantaj en tabelo B montritajn ĵet-longecojn, oni legu laŭ maniero montrita en jena ekzemplo:

14-jarulo ĵetas 5.864 cm.
5.500 cm — 625 poentoj
300 cm — 75 poentoj
64 cm — 16 poentoj.
sume 716 poentoj.

**nur estas atingita la solvo de la mondlingva demando, sed ankaŭ konstruita la fundamento de konstanta mondpaco.**

Ke la sporta movado vere estas rigardata kiel flanko de la internacia paclaboro, evidentiĝas inter alie per tio, ke la barono Coubertin, la fondinto de la modernaj Olimpaj Ludoj, unufoje estas proponita kiel ricevonto de la mondfama pacpremio de la svedo Alfred Nobel. Tre grava tasko estonta de la Esperanto-movado estas la penado doni al la sporta movado multe pli gravan signifon de faktoro en la internacia pacocelado. Kaj parolante pri tion ni jam venis sur la duan vojon, sur kiun la Esperanto-movado devas paŝi: l a a r a n ĝ a d o d e i n t e r n a c i a j a m a s a j s p o r t k o n-

kursoj por lernejaj gejunuloj.

Oni arangu tiujn konkursojn tiamaniere, ke ili ebligu aliĝon de milionoj da partoprenantaj — ĉiam kreskantan. Tio estas premiso por tio, ke sportaj konkursoj en ĉiujara tutmonda sportotago, por ĉiuj popoloj komuna, vere plenumos la taskon evoluigi pacajn sentojn ĉe la diversaj nacianoj, kiuj partoprenas la konkurson.

„Sed," diras iu, „tiu ĉi estas vera neeblaĵo." Tamen la celo de tiu ĉi artikolo estas provi evidentigi, ke internacia sportotago per la helpo de la Esperantomovado estas aranĝebla; — mi eĉ emas diri — sen iaj malfacilaĵoj! Ke tia sportotago unuavice devas esti aranĝata por la kreskanta gejunularo estas tute evidenta afero. Sed oni devas ankaŭ ĝin aranĝi tiamaniere, ke pliaĝuloj havos la eblon partopreni, kio certe okazos, kiam konkuro ĉiujare estas aranĝata samloke.

La celo de la konkursoj dum „la tutmonda sportotago" devas esti kolekti plejeble grandan nombron da milionoj da junaj knaboj kaj knabinoj, de kiu ajn nacio aŭ klaso socia, por komuna paca konkuro, por ke ili en sana konkura fervoro kaj dum gaja penado mezuru siajn povojn kaj dume sentu interligitecon kun gejunuloj en aliaj landoj.

La deziro altiri imponajn amasegojn da gejunuloj necesigas ke la konkursoj

estu aranĝataj en la hejmregiono,
ampleksu nur malgrandan nombron da sportaj branĉoj
kaj ebligu plejeble justan prijuĝon de atingitaj sportaj rezultatoj.

Kiel uzotajn sportbranĉojn mi volas proponi tri formojn ekzercajn, kiuj metas la necesan fundamenton por ĉiuj sportklopodoj. Pro diversaj kaŭzoj mi proponas kiel plej konvenan svedan trikonkuron, kiu ampleksas

rapidkuradon 60-metran,
longsalton kun ekkuro kaj
ĵeton de malgranda pilko, (pezo 60—80 gramoj).

Pli malfacile estos trovi formon por „justa prijuĝado de atingitaj sportaj rezultatoj". Ni ne forgesu, ke ĉiu formo de kalkulado de poentoj havas pli malpli grandajn mankojn. Oni do devas por prijuĝoj starigi poentskalon, kiu estas ĝis plej alta grado senigita de mankoj. Plu ni memoru, ke tia poentskalo post certa nombro da jaroj devas esti reviziata laŭ la kreskado de la sporta lerteco de la gejunularo kaj laŭ la diskonigo kaj ĝeneraligo de la sporta okupado.

Por ke mi en tiu ĉi artikolo ne nur skizu senkernajn teoriojn, mi petas la permeson, priskribi sportan konkurson por lernejaj gelernantoj aranĝitan de mi dimanĉon la 29-an de sept. 1930 en Hernösand, Svedujo. Parenteze mi volas informi, ke tiu urbo estas malgranda, havas nur 11 000 loĝantojn, malgranda ekzemplo pri tio, kiel per helpo de Esperanto malgranda urbo povas fariĝi konata tra la tuta mondo!

La lernantoj de ĉiuj lernejoj en tiu urbo estis invitataj partopreni konkurson en sveda trikonkuro. Anonciĝoj pri partopreno alvenis de ĉiuj lernejoj de plej diversaj specoj: popollernejoj, knabinaj lernejoj, porknabaj gimnazioj, komenclernejaj seminarioj, teknika lernejo kaj navigacia lernejo. Invitanto por la konkursoj estis la sporta klubo de la seminario popollerneja en Hernösand. La anonciĝinta partoprenantaro estis diversspeca miksaĵo en aĝoj 8—28 jaroj.

Por prijuĝo de la rezultatoj atingitaj dum la konkurso mi starigis poent-tabelojn, (pĝ. 38, 39, 40) aranĝitajn laŭ prijuĝado de kelkaj miloj da konkursrezultatoj. Per la tabeloj mi celis ebligi plene ekzaktan prijuĝadon parte de la rezultatoj de unuopaj lernantoj, parte de la sporta lerteco de diversaj aĝo-grupoj. Per la helpo de la tabeloj knabo aŭ knabino devus povi prijuĝi sian lertecon kompare unue kun rezultatoj, de li (aŭ ŝi) pli frue atingitaj, due kun rezultatoj atingitaj de samaĝaj kamaradoj, trie kun rezultatoj atingitaj de geknaboj en aliaj aĝoj. Do

**Resuma tabelo, ekstrakto el ĝeneralprotokolo.**

| 60 m sek. | Salto cm | Ĵeto m | Poenta sumo |
|---|---|---|---|
| 10,3 | 299 | 32,67 | 1.387,75 |
| 10,2 | 304 | 41,25 | 1.647 |
| 10,7 | 260 | 23,99 | 1.606,75 |
| 10,2 | 348 | 40,12 | 1.795 |
| 11,1 | 284 | 21,34 | 1.544,50 |
| 10,1 | 358 | 40,05 | 2.526,25 |
| 9,4 | 354 | 50,50 | 2.278,50 |
| 9,8 | 363 | 50,19 | 2.906,75 |
| 9,6 | 395 | 49,14 | 2.358,50 |
| 8,8 | 405 | 60,52 | 2.533 |
| 9,5 | 389 | 39,28 | 2.463 |
| 9,3 | 326 | 55,29 | 2.311,25 |
| 8,9 | 450 | 54,50 | 2.187,50 |
| 7,8 | 530 | 60,80 | 2.665 |
| 9,4 | 400 | 36,78 | 1.793,50 |
| 7,9 | 544 | 61,51 | 2.438,75 |
| 7,7 | 534 | 73,84 | 2.482 |
| 8,3 | 411 | 59 | 1.469 |
| 7,1 | 627 | 66,76 | 2.827 |
| 7,5 | 558 | 58,68 | 2.249 |
| 9,6 | 334 | 42.72 | 979 |
| 7,9 | 549 | 57,5 | 2.083,50 |
| 7,6 | 542 | 76,63 | 2.608,75 |
| 7,9 | 581 | 50,20 | 1.829 |
| 8,5 | 478 | 62,07 | 1.763,25 |
| 8,8 | 503 | 43,72 | 1.362 |
| 7,7 | 580 | 82,22 | 2.875,50 |
| 8,2 | 495 | 64,48 | 1.967 |
| 8,4 | 511 | 61,68 | 1.911 |

La vicordo inter la konkirintoj de la unua premio en ĉiuj aĝogrupoj estas facile starigebla:

1. 12-jara knabino 2.906,75 poentoj
2. 26-jara knabo 2.875,5 poentoj
3. 19-jara knabo 2.827 poentoj

ktp.

12-jara knabino devus povi venki en trikonkura konkurso 28-jaran junulon, ĉar tiu lasta devis plenumi multe pli malfacilajn aferojn por atingi poentan sumon egalvaloran al tiu, kiun la pli juna knabino povis atingi per plj modesta rezultato.

La partoprenantoj de la konkurso devis mem sin anonci, sur karton skribante informojn pri sia nomo, aĝo kaj lernejo. La kartojn oni pagis per sumo egalvalora al 25 svedaj oeroj. Dank' al la kartsistemo estis facile dispartigi la partoprenantojn en ĉefgrupojn: knaboj kaj knabinoj, kaj aĝogrupoj. La kartsistemo ankaŭ ebligis simpligitan manieron por skribado de protokolo kaj kalkulado de atingitaj rezultatoj. Por la konkurso sin anoncis 248 partoprenantoj.

En la kadro de tiu ĉi artikolo ne estas la loko priskribi la manieron de la konkursaranĝo. Se esperantistoj en diversaj partoj de la mondo volus provi realigi la proponon aranĝi „tutmondan sportotagon", mi kun plezuro donos mallongajn klarajn informojn pri la plej bona maniero de aranĝado de „sveda trikonkuro". Por la momento mi volas nur citi kelkajn rezultatojn de la konkurso en Hernösand kaj elirante de tiuj formi proponon pri internacia konkurso, aranĝebla por nelimigita nombro da milionoj da partoprenantoj. Sporto — Esperanto — Mondpaco! Ĉu estas eble prijuĝi juste ekzemple sportorezultaton de 12-jara knabino kompare kun tiu de 26-jara junulo? La respondon al tiu demando prezentas ĉi-apuda resuma tabelo, kiu diras rezultaton kaj poenton por konkirinto de unua premio en ĉiu aĝoklaso ĉe la konkursoj en Hernösand.

Per la ĉi-supra kunaranĝo mi provas pruvi, ke vere estas eble almenaŭ preskaŭ juste prijuĝi ekzemple rezultaton de 12-jara knabino kompare kun tiu de 28-jara junulo. Supraĵa rigardo en la general-protokolon tuj informas pri tio, en kiu branĉo la konkursanto faris malpli bonan rezultaton ol tio kion oni povas nomi normalaĵo. Ĉiu tia deflankiĝo de la normalaĵo — ĉu supren, ĉu malsupren — tuj evidentiĝas en la resuma tabelo.

La disdonado de multekostaj premioj ĉe sportaj konkursoj apartenas al tiuj aferoj, kiujn oni plejfortege devas kontraŭlabori. Ne pro la premioj la sportulo

sin anoncu por konkurso, sed pro la ĝojo provi sian povon kompare kun tiu de aliaj sportuloj! Memoraĵo en formo de plektitaj branĉetoj de iu aŭ alia speco de arbo estis iam la tre ŝatata formo de rekompenco de la antikva sporto. Pli konservebla memoraĵo en formo de d i p l o m o p o r v e n k i n t o estas eble preferinda. Tiajn oni transdonu al la plej bonaj 2/5 de la konkursantoj en respektivaj aĝo-grupoj. Tiu diplomo havu simplan sed plaĉan aspekton, eble kun karakterizaĵo komuna por tuta nacio.

La diplomojn subskribas la plej altaj administrativaj aŭtoritatoj en la loko kune kun la estroj aŭ estrinoj de la lernejoj, kiuj estas reprezentataj en la konkurso.

Se oni aranĝas komunan konkurson por pluraj lokoj en iu lando, la diplomon devas subskribi la plej alta ŝtatestro, reĝo, imperiestro aŭ prezidanto kune kun iu eminenta reprezentanto de la tutlanda lernejaro.

Se oni aranĝas konkurson por ĉiuj landoj de la tero, la diplomojn devas subskribi la ŝtatestroj de tiuj landoj, kiuj partoprenas la konkurson. (La nomskribojn oni kompreneble faras helpe de kliŝo, ricevinte la permeson de la ŝtatestro.) La tekston de la diplomo oni kompreneble devas presi en Esperanto. La kliŝo simbolu kvin en frata unuiĝo kunligitajn mondpartojn, kaj en belpreso oni prezentu la vortojn: Neniam plu milito!

(Rimarku! Represante tiun ĉi artikolon en esperantaj gazetoj alilandaj oni enmetu en la liston de la landoj partoprenantaj la konkurson la nomojn de la respektivaj landoj anstataŭ iun nomon enmetitan en la proponon por la diplomo.)

Ĉu ne estus maniero veki intereson por la historio, moroj kaj kutimoj de la aliaj landoj, se knabo aŭ knabino en iu mondparto jaron post jaro partoprenas pacan sportkonkurson kune kun samaĝuloj de ĉiuj landoj de la mondo kaj kiel memor-

**Propono por venkint-diplomo.**

LA TUTMONDA SPORTOTAGO.

1-a konkurso

en

Sveda Trikonkuro

en la jaro 1931

en

Ameriko, Anglujo, Belgujo, Ĉinujo, Egiptujo, Finnlando, Germanujo, Greklando, Holando, Italujo, Japanlando, Litovujo, Norvegujo, Polujo, Rusujo, Svedujo.

VENKINT-DIPLOMO.

En la 12-a jarklaso

venkis

Valborg Fure

per 2.906,75 poentoj.

Venkloko 1.

NENIAM PLU MILITO!

Nomskriboj de la ŝtatestroj.

---

aĵon ricevas diplomon surhavantan la nomojn de aro da ŝtatestroj?

Se ne tiu maniero estas la plej bona kaj efika, plej facile efektivigebla formo de praktika porpaca laboro, mi ne komprenas, kiamaniere oni faru paclaboron!

Sed kiom da milionoj da tiaj diplomoj oni disdonos ĉe amaskonkurso en la tutmonda sportotago?, demandas iu.

La premiso devas esti, ke kunlaborado en ĉiuj landoj devas esti farata inter la ekzistanta federacio esperantista kaj la centraj estraroj de la sporta movado. La unua tasko de ĉiu tia nacia komitato por la tutmonda sportotago estas provizi la gazetaron per materialo por reklamo kaj propagando. En alia artikolo mi pritraktos tiun demandon. Tie ĉi mi volas nur akcenti, ke dekomence oni devas plej forte eldiri, ke la partoprenontoj devas komenci seriozan kaj efektivan studadon de mondlingvo. Niaj sportuloj havas tre grandan bezonon de instigo al intelekta laboro alterne kun tiu tre ofte seka spirita nutraĵo, kiun donas la ĉiama okupado pri sportaj aferoj. Propaganda notico en la mezo de la teksto de la sportaj

paĝoj gazetaj certe havos bonan efikon. Ĝi povas havi jenan formon:

**Esperanto estas la estonta internacia sportolingvo!**

Kiam oni aranĝis konkurson en iu loko kiel parton de la tutmonda sportotago kaj oni elkalkulis la lokajn ciferojn por la partoprenantoj laŭ fiksitaj poentskaloj, oni sendu informojn pri la akirintoj de la 1-a premio de ĉiuj aĝoklasoj al la nacia komitato. Por kompensi la elspezojn por venkintdiplomoj estu ĉemetata kun ĉiu nomo sumo egalvalora al 1.— sveda krono.

La nacia komitato — la Esperantosportkomitato — apartigas la nomojn laŭ atingitaj poentrezultatoj kaj informas en ĉiuj esperantaj, sportaj kaj tagaj gazetoj pri la rezultatoj de la konkurso enlanda. Ĉiujn nomojn kaj rezultatojn oni alsendu pere de kartoj de interkonsentita modelo jene aspektanta:

Lando: ............ Aĝoklaso: ...... -jara
Adresloko: ............
Nomo: ............ Antaŭnomo: ............
Lernejo: ...... Klaso: ...... Naskiĝa jaro: 19....
Startnumero: ............

Rezultoj de
Vetkurado 60-m ...sek., poentoj.....
Longsalto ...cm poentoj.....
Ĵeto de malg. pilk. ...cm poentoj.....
Poentsumo.....

Vica cifero:

(Aldono al „Gvidlibro por gimnastik-, lud- kaj sport-instruado ĉe seminarioj kaj popollernejoj", copyright by Einar Blomberg.)

La konkursaj rezultatoj, t. e. la apartigitaj kartoj, estu sendataj kune kun la kotizo por partopreno 1.— kr. al por la tuta mondo komuna centro por la tutmonda sportotago. Tiu centro nature devus esti sportkomisiono internacia elektita de la Ligo de Nacioj, sed la labortaskojn de tiu povas komence fari unuopa persono. La centro kolektas ĉiujn rezultatojn kaj elkalkulas la vic-ciferojn por ĉiuj venkintoj kaj venkintinoj de la 1-a premio en ĉiuj lokoj sur la terglobo, kiuj partoprenis en La tutmonda sportotago. La nomojn de la gevenkintoj oni presu kaj unu ekzemplero de la venkintlisto estu sendata pere de la naciaj komitatoj al ĉiu loko, kiu estis reprezentata en la konkurso.

Ĉiu partoprenanto, kies porkonkursa karto estis transsendita al la centro por la tutmonda sportotago, ricevas venkintdiplomon laŭ ĉi-supre prezentitaj reguloj. La diplomo estas ricevata sen alia kosto ol la kotizo por partopreno. La diplomo estu sendata kune kun la listo de gevenkintoj al la naciaj Esperanto-sportkomitatoj por pluensendo al la lokaj organizaĵoj. Tiuj disdonas la diplomojn laŭ indaj, solenaj manieroj. La preĝejaj sonoriloj eĉ povu dissonigi la informon pri giganta fortomezurado en la servo de la porpaca laboro!

La propono tie ĉi prezentita certe ne estos malfacile efektivigebla, sed la rezultato de tia propagando por Sporto — Mondlingvo — Mondpaco certe estos grandioza.

La unua tasko estas interesigi ĉiujn esperantajn gazetojn por la propono kaj poste la niatempajn eminentajn redaktorojn de la sportaj paĝoj en la ĉiutagaj nacilingvaj gazetoj. Krom de tiuj oni devas gajni la favoron de ĉiaj gezetoj: sportaj, instruistaj, pacmovadaj, abstinencmovadaj kaj aliaj kulturorganoj, por la propono. Por provi la fortojn de la internacia Esperanto-movado rilate la efektivigon de ĉi tie prezentita propono subskribinto plej insiste petas, ke la esperantaj asocioj en ĉiuj landoj en siajn respektivajn lingvojn traduku ĉi tiun artikolon por aperigi ĝin en plejeble multaj nacilingvaj gazetoj. Gazetajn eltranĉaĵ-

ojn oni bonvolu sendi al la Centra Oficejo de la Mondsporttago, Härnösand, Svedujo. Propagando por La tutmonda sportotago estu tuj entreprenata, por ke informoj pri tiu tago sisteme kaj regule povu esti presataj en Heroldo de Esperanto. Kiel konvenan tagon por la unua konkurso de la tutmonda sportotago mi volas proponi dimanĉon la 22-an de septembro 1931.

Kritikajn vidpunktojn kaj proponojn oni bonvolu sendi al La Centra Oficejo de la Mondsporttago, kaj mi en Heroldo de Esperanto donos resumajn raportojn pri alvenintaj rimarkoj.

Unu malfortan punkton en mia propono mi povas mem tuj almontri: estos certe neeble prikalkuli la kostojn por la listo de gevenkintoj en la internacia amaskonkurso, ĉar estas neeble anticipe prikalkuli la nombron da partoprenontoj. Se 25 konkursantajn geknabojn en diversaj aĝoklasoj oni anoncas kiel gevenkintojn el 1000 lokoj, oni bezonos presi 25 000 nomojn kaj 100 000 rezultatojn! Absoluta avantaĝo de la propono estas tio, ke oni bezonos nur en unu lingvo presi la liston de gevenkintoj.

Hernösand, Svedujo, en decembro 1930.

**Einar Blomberg**
gimnastika direktoro.

---

# Recenzoj.

K. R. C. Sturmer, Por recenzo! Co. 61 pĝ. broŝ. 1 ŝ. 6 p., bind. 2 ŝ. 6 p., London 1930. The Esperanto Publishing afranko 2 p. Stranga kiel la titolo estas la maniero de la verketo, kiu similas al skizaro. La aŭtoro portretas personojn el la medio London-a, nome: anglan profesoron, iun junan literaturemulon el „burĝetiĝinta laboristaro", la delikatsentantan poeton Brooks kaj iun burĝan familion. Sturmer skizas tiujn tipojn laŭ ilia sintenado dum nur unu tago. Li montras reton de internaj rilatoj inter la personoj sur la fono de multeca medio. Aldone la verkisto praviĝas kelkajn neologismojn, ekz. „aprezi" (angle: appraise) = ŝate taksi; etoso" = animo de loko; „svelta" = gracie maldika; „evento" = definitiva okazaĵo. Li elektas ofte la prefikson „um", foje kiel vorton (pĝ. 30).

Hermann Haefker, Jarmiloj pasas. Universala Historio (mondhistorio) en du volumoj. Verkita originale en Esperanto. Kun ses artaj reproduktaĵoj kaj dekunu geografiaj skizoj. I-a volumo. 245 paĝoj 16×23 cm. Duonlede bindita. Prezo gmk. 9.— (por ambaŭ volumoj kune gmk. 16.—). Köln 1931. Heroldo de Esperanto. La verko de Haefker estas grava aperaĵo en la Esperanta literaturo, ĉar ĝi metas fundamentan ŝtonon por estonta Esperanta kulturmovado. Ĝi estas pensita kaj sentita vere supernacie. La aŭtoro ne donas kompletan historion de popoloj, sed priskribas la evoluon de la okcidenta-orienta kulturmondo. Li serĉas la „leĝojn de la vivo" de homaro, dezirante: politiko estu la ideo, regi la historion laŭ homa volo kaj je homa beno — kun la lasta celo Paco. Li rigardas la porimperiajn streĉadojn kiel tentojn, unuigi landojn kaj popolojn je unu teritoriego, „kiu mem produktu ĉiujn necesajn vivbezonaĵojn kaj la potenc-ilojn por ilia certigo". Haefker pritraktas en la unua volumo la asiran, la grek-makedonan kaj la romanan imperiojn kaj surskribas tiun egan epokon per „Tempo de dioj". Kontraŭe de tio li surskribas la mezan epokon per „Tempo de dio" kaj (en la 2-a volumo) la novan epokon per „Tempo de scio". Laŭ konvinko de l' aŭtoro la vera enhavo kaj valormezurilo de l' historia vivo ne estas la sortoj de imperioj, sed la animstato, en kiu la amasoj vivis. En la antikva epoko estis aperintaj du principaj formoj de grandstila animstato: la babilono-sumera mondkompreno kaj la

helena. Je tia vidpunkto plimalgrandiĝas la graveco de la romana imperio, ĉar ĝi ne produktis novan mondkomprenon; sed miaopinie la kreado de la romana jursistemo kaj la disvastiĝo de la latina lingvo estas gravegaj faktoroj de la okcidenta kulturmondo. La ĉapitroj pri la babilona kaj la helena kulturoj estas tre interesaj. La diferencigo inter Jesuo kaj Kristo ekscitos kelkan leganton. La ĉapitroj pri la meza epoko enhavas preskaŭ jam tro multajn detalaĵojn. Estas dezirinde, ke verku homo el Azio ankaŭ mondhistorion en universala senco. La verko pliriĉigas la Esperantan lingvon per multaj esprimaĵoj; ĉu ĝi entenas tro multajn germanismojn, tion prijuĝu alinacianoj!

Floretoj. Porinfanaj rakontoj tradukitaj de la Vendreda Klubo en Winschoten (Nederlando). Groningen 1931. J. B. Wolters Uitgevers-Maatschappij. 64 paĝoj kun multaj bildoj. 0.70 nederl. guldeno. Jen bela libreto por etuloj en Esperantujo! La tradukintoj elektis porinfanajn rakontetojn de T. van den Blink kaj J. Eigenhuis, ŝatataj verkistoj en Nederlando. Estas pripensinde, ke la plej junaj Esperantistoj estas jam dekdujaraj, do eble ne ŝatas rakontetojn por okjaraj geknaboj. La multkoloraj bildoj logos ankaŭ pli aĝajn infanojn, ke ili plulegadas la tekston. K. R.

*

John Dewey, Democracy and Education. New York 1915. Tiun verkegon germanigis Erich Hylla kaj aperigis ĝin sub la titolo: Demokratie und Erziehung. Eine Einleitung in die philosophische Pädagogik. (Demokrateco kaj Pedagogio. Enkonduko en filozofian pedagogion.) Eldonejo: Ferdinand Hirt en Breslau (Germanujo) 1930. 565 pĝ. Bindita gmk. 14.—. Laŭ nia redakcia programo ni recenzu ankaŭ nacilingvajn verkojn de tutmonda signifo. Recenzante la fundamentecan verkon de la usona pedagogio, ni ekplenumas tiun promeson. Dewey influis pedagogiajn reformojn en kelka lando de Eŭropo kaj Azio. Ni pritraktos en IPR plurfoje la pedagogion de Dewey. Jene estas akcentataj nur ĉefaj principoj. La aŭtoro prezentis sian filozofian pedagogion, t. e. sian ĝeneralan teorion pripedagogian, en 26 ĉapitroj, kiuj estas grupigeblaj je kvar partegoj. En la unua partego (ĉap. 1—5) edukado estas montrata kiel sociaj neceso kaj funkcio; en la dua (ĉap. 6—17) la aŭtoro priskribas la esencon de pedagogia agado kiel daŭran novkonstruadon de spertaro socia kaj persona; en la tria (ĉap. 18—23) li serĉas limojn de edukrealigo, kaj en la lasta li konstruas la filozofian fundamenton de sia teorio. Dewey mem nomas sian teorion de ekkono „pragmatika", li skribas: „Ekkono ne nur tio estas, kio en nia konscio estas, sed konsistas el ĉiuj kondutebloj, kiujn ni konscie utiligas por kompreni tion, kio okazas ĉirkaŭ ni." Dewey rifuzas la ideon, laŭ kiu spirito estas io konstanta, kaj asertas, ke spirito nur realiĝas en ĉiama nova majstrado je la vivprocedo per la homoj. Laŭ tio Dewey postulas ĉefe laŭcelan agadon en lernejoj. Geknaboj perceptu instruobjektojn ne kiel ion enmemorigendan, sed kiel ilojn por atingado de celoj sociutilaj. Li kontraŭdiras diferencigon laŭ laborulaj kaj liberulaj socia klasoj: ĉiuj geknaboj estu edukataj al sociutila agado kaj al persona kulturo. Tre konsiderinde estas, ke Dewey konstruas idealan edukon sen laŭreligiaj instruado kaj kulto. — Malfortecon de lia verkego mi vidas en tio, ke li identigas natursciencan kaj sociologian metodojn. K. R.

**La venonta numero aperos la 1-an de junio.**

# Fundamenta Kalendaro por Agentoj kaj Abonantoj de Internacia Pedagogia Revuo.

Decembro

1. La abonantoj jam fine de la malnova jaro — laŭ bona negoca kutimo — sendas sian reabonon por la nova jaro al la agento aŭ administranto.
2. Ili konsideras kiel sian samideanan devon, ne prokrasti la reabonon ĝis post marto.

Februaro kaj Marto

3. Dum februaro kaj marto la agento interrilatas kun tiuj abonantoj, kiuj ne jam reabonis, instigante ilin al afabla daŭrigo de la abono. Kiu volas ŝparj tiun laboron al la agento, sendas la moderan kotizon jam fine de decembro aŭ almenaŭ dum januaro.
4. Fine de marto ĉiu agento havas ekzaktan scion, kiuj malnovaj membroj reabonas por la nova jaro kaj kiuj ne. Pri tiu definitiva stato li informas la administranton.

Aprilo

5. Kiu ĝis fino de marto ne sendis sian pagon, ne plu ricevas la gazeton.

Majo

6. Dum la alia parto de la jaro la agentoj (kaj ĉiu fervora samideano) elĵetas sian reton, por kapti en sia lando la gekolegojn ĝis nun ne varbitajn.

ĝis Novembro

7. La agentoj ĉiuforte klopodas organizi naciajn sekciojn de TAGE. Tiuj mem respondecas pri la kresko de nia movado en sia lando. Ĉiu nombro da abonantoj povas esti la bazo por tia sekcio. Ĉefaĵo nur estas ke la agento nepre havas la volon, kreskigi tiun rondon, kaj sentas sin respondeca pri la stato kaj la progreso de la sekcio. Fervorajn kunlaborantojn vi trovas en ĉiu lando.
8. Restas por la administranto sufiĉe da laboro, por kontentige plenumi la abonojn de 900—1000 legantoj el 40 landoj.
9. Agentoj kaj administranto ĉiam tuj reciproke sin informas pri aliĝo de novaj membroj. La agentoj sendas la kolektitan monon al la administranto proksimume ĉiukvarmonate.

Escepto

Pro la malfrua apero de la Fundamenta Kalendaro por ĉi tiu jaro la datoj estas prokrastitaj laŭ jena maniero:

por punkto 2 ĝis komenco de majo
por punkto 3 ĝis aprilo kaj majo
por punkto 4 ĝis fino de majo
por punkto 5 ĝis fino de majo.

---

# Komercista Esp.-Asocio Berlin.

Por la disvastigo de nia lingvo, speciale inter komercistoj, fondiĝis en Berlino la „Komercista Esperanto-Asocio“. Oni deziras varbi fabrikojn kaj komercistojn por la movado, UEA-anigi ilin kaj instigi ilin al korespondado en Esperanto. — Por pli bone atingi la celon, la K. E. A. intencas eldonj tutmondan adresaron de firmoj, kiuj uzas Esperanton. La enlistigo de nomo, adreso kaj fako aŭ specialaĵo estas senkosta.

Oni petas la delegitojn kaj koncernajn samideanojn, ke ili instigu la firmojn jam uzantajn Esperanton por korespondado, varbfolioj aŭ aliaj celoj, sciigi nomon, adreson kaj fakon sub la adreso de la prezidanto de P. E. A.: Paul Conrad, Berlin SO 36, Kottbusser Ufer 58, Germanujo.

Represo de ĉj tiu alvoko estas petata.

## Int. Instruista Kongreso uzos Esperanton!

En n-ro 11/12, 1930 de IPR, pĝ. 159, 160, ni jam raportis, ke Internacia Profesia Sekretariejo de Instruistoj (IPSI) decidis, uzi Esperanton dum la kongreso kaj la somera altlernejo, kiuj okazos en aŭgusto 1931 en Hamburg. Intertempe el diversaj faktoj kaj el letero de la prezidanto Klein-Strassburg ni povas konstati, ke la estraro de IPSI klopodas la efektivigon de la nomita decido kaj volonte akceptos la helpon de la Esperanto-instruistoj. Pli detalan informon vi trovos en la venonta numero de IPR. Sed jam nun ni atentigas pri la graveco de tiuj aranĝoj por la Esperanto-movado kaj petas niajn amikojn, partopreni la kongreson en Hamburg kaj informi pri tio la sekretarion de TAGE.

## Internacia Supera Skriba Esperanto-Kurso (ISOSEK).

Sian grandan sukceson Isosek dankas plejparte al unu karakteriza eco, nome al sia internacieco. Dum kelkaj jaroj ni gvidis en Nederlando pure nacian Esperanto-kurson, edukante per tio naciajn (nederlandajn) Esperantistojn. Ni spertis, ke mankis al niaj kursanoj la internacieco de la lingvo. Alilingvanoj tuj rekonis ilin nederlandanoj.

Pro tio ni serĉis novan efikan metodon por forigi tiun mankon. Ni ĝin trovis. Jen ĝi: Ni petis la kunlaboradon de kelkaj eminentaj Esperantistoj el diversaj landoj, kiuj laŭvice korektis la taskojn de niaj kursanoj. Baldaŭ ni spertis la bonajn rezultatojn de tiu metodo, kiu ne nur estas instrua sed samtempe interesa, alloga. Kvar eminentaj Esperantistoj helpis enkonduki la novan metodon, jen la Isosekaj pioniroj: Prof. D-ro Joh. Dietterle, D-ro P. Corret, P. Stojan kaj William Bailey, kiuj oferis multan valoran tempon al Isosek.

Kaj nun Isosek jam ekzistas en dek-kvar landoj de Eŭropo. En dek-kvar landoj ekzistas Nacia Oficejo de Isosek kun direktoro-korektanto. Dek-kvar spertaj Esperantistoj diverslandaj nun instruas la kursanojn. Sed ne nur la instruistaro estas internacia, ankaŭ la kursanaro. Isosek havas kursanojn en dek-kvar landoj.

La kurso estas supera. Povas sekvi ĝin ĉiuj, kiuj kapablas legi Esperantan tekston, ĉar la kurso estas tute en Esperanto. Kvankam por supera kurso ne estas nepre necese apliki naciajn lingvojn, ni tamen uzis ilin. Ekzistas por ĉiuj landoj nacilingvaj ekzercoj. Tiujn ekzercojn korektas la Naciaj Direktoroj.

La kurso detale pritraktas la superan gramatikon, sub gvidado de Prof. A. Mazzolini, L. K. Plie ĝi enhavas la historion de la Esperanto-movado, la Esperanto-literaturon kaj Esperanto-instruadon (instrumetodojn).

La kurso estas skriba. Ĉiun dusemajnon oni ricevas presitan lecionon (leteron). Por izolitaj Esperantistoj, kiuj deziras perfektiĝi en la lingvo, nia supera skriba kurso estas vera beno kaj la nura lernilo. Isosek atingas ĉiujn, oni ricevas instruon de eminentaj profesoroj. Skriba (perkoresponda) instruado estas por plenkreskuloj kaj kleraj personoj la plej taŭga.

Nian gazeton „Nia Informilo" ricevas ĉiuj kursanoj senpage. Ĝi estas amika, intima ligilo inter instruistaro kaj kursanaro, samtempe kompletigo de la kurso. Ĝi enhavas literaturan parton, interŝanĝan adresaron, diversaĵojn kaj laborojn de kursanoj mem. La plej bonaj ellaboraĵoj de la kursanoj aperas en ĝi kiel modeloj.

La rilatoj inter instruistaro kaj lernantoj estas amikaj. En Isosek oni sentas sin hejme, Isosek instruas kaj servas ĉiujn, ĉie kaj ĉiam.

Por pli detalaj informoj turnu vin al la Centra Oficejo de la Esperanto-Instituto „Isosek", Nieuwstraat 62, Hoensbroek, Nederlando.

Tekla Flint,
Ĉefdirektorino de Isosek.

**Konservu ĉi tiun folion,**
**kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!**

Aldono al IPR.

# Korespondo-Oficejo, Listo 10.

## A

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

**N-ro 164.**

1. Hjalmar Mann 2. popollerneja instruisto 3. 40-jara 4. b) Akers styckebruk d) Svedujo 5. popollerneja instruisto el Azio, Afriko aŭ Aŭstralio 6. iu ajn temo 7. interŝanĝo per il. gazetoj, bildoj por geografia instruado ktp.

**N-ro 165.**

1. Johanna Mischke 2. popollerneja instruistino 3. 33-jara 4. a) Martinstrasse 6, II b) Meissen c) Saksujo d) Germanujo 5. gekolegoj el tuta mondo, precipe el Hungarujo, Italujo, Hispanujo, Francujo, Polujo, Greklando 6. lernejaj temoj.

## B

1. Lando kaj loko de la lernejo?
2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi?
4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun?
6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto“, kiu aranĝos la korespondado-aferon?

**N-ro 109.**

**Germanujo.** 1. Dresden (Saksujo) 2. gelernantoj de Esperanto-kurso popollerneja 3. 20 knaboj kaj 4 knabinoj 4. 12—13-jaraj, unua lernjaro de Esperanto 5. alilandaj infanoj 6. unue per bildkartoj de la hejma urbo kaj lando; due letere pri iu ajn temo 7. instruistino Charlotte Wünsche, 53. Volkschule, Fiedlerplatz, Dresden-A., Germanujo.

**N-ro 110.**

**Svedujo.** 1. Vingåker 2. popola lernejo 3. 1 knabo kaj 4 knabinoj 4. 11—12-jaraj 5. ĉiuj landoj 6. infanaj temoj 7. instruisto Hjalmar Kihlberg, Vingåker, Svedujo.

**N-ro 111.**

**Rumanujo.** 1. Cernauţi 2. meza maŝinteknika lernejo 3. unu lernanto 4. 18-jara 5. junsamideaninoj ekstereŭropaj 6. ĉiuj temoj (kontraŭ Esp.-gazetoj sendas poŝtmarkojn rumanajn kaj ĉiam tuj respondos) 7. Jakob Mandel, Str. Wilson 42, Cernauţi, Rumanujo.

**N-ro 112.**

**Germanujo.** 1. Freital (Saksujo) 2. komerclernejo 3. 2 lernantoj 4. 17-jaraj 5. gesamideanoj el Rusujo, Ĉinujo, Japanujo, Hispanujo 6. diversaj temoj 7. Kurt Müller, instruisto, Schweinsdorferstr. 23, Freital (Germanujo).

**N-ro 113.**

**Finnlando.** 1. Konnitsa (provinco Karjala aŭ Karelia) 2. popollernejo 3. 5 knaboj kaj 13 knabinoj 4. 9—12-jaraj 5. knaboj kun knaboj kaj knabinoj kun knabinoj — la sendo kolektive 6. vilaĝa kaj lerneja vivo 7. instruisto Alpo Suomalainen, Konnitsa, Finnlando.

# C

Skemo ne povas esti starigata, ĉar la deziroj estos tre diversaj. En ĉi tiu rubriko oni anoncu siajn dezirojn, ordigante la sciigojn laŭeble same kiel en skemo A aŭ B.

**N-ro 12.**

1. Vjaĉeslav Vasiljeviĉ Kalaŝnikov 2. financoficisto, studento de l' Instituto de Financ-Ekonomiaj Sciencoj, gvidanto de Esperanto-kursoj 3. 24-jara 4. a) Gruzinskij per., 6. kv. 6 b) Niĵnij-Novgorod d) Rusujo 5. gestudentoj, gefinancoficistoj, geinstruistoj, precipe el Grekujo, Turkujo, Persujo, krom Eŭropo 6. Esperanto-movado, metodoj kaj formoj de lerneja interkorespondado, instruado de Esperanto, viv- kaj laborkondiĉoj 7. interŝanĝas il. pk., esperantaĵojn, sovetiajn kaj rusajn stampitajn pm. aŭ esperantaĵoj diversspecaj kaj precipe lernolibroj kaj vortaroj esp. en ĉiuj lingvoj.

**N-ro 13.**

1. Sergej Miĥajlov 2. studento de universitato en Leningrad 3. 19-jara 4. a) Kalaŝnikovskaja nab. 26, kv. 15 b) Leningrad 24 d) Rusujo 5. geesperantistoj tutmondaj 6. lingvoscienco, esperantismo, homoranismo, Esperanto-literaturo, -historio, -movado tutmonda, ĉiuj religi-filozofiaj movadoj (teozofio, okultismo ktp.), studenta vivo 7. interŝanĝas esperantaĵojn (libroj, gazetoj, ĵurnaloj, broŝuroj, afiŝoj, insignoj, sigelmarkoj).

**Noto pri antaŭaj numeroj:**

N-roj 85, rubriko A, kaj 80 kaj 151, rubriko B (listo 8), ne ricevis respondojn.

---

Personoj, kiuj ne povas aboni IPR-n kaj deziras regule havigi al si la listojn de nia Korespondo-Oficejo, bonvolu anonci sin rekte ĉe la sekretariino de „Kunlaborado“ (f-ino Moelke, Brandenburgische Str. 5, Berlin-Südende, Germanujo). La anoncoj por la listoj estas senpagaj. Sed por neabonantoj de IPR estas necese, ke ili pagu 1 germanan markon por 1 jaro pro la sendkostoj.

---

Pri ĉio, kio rilatas la Korespondo-Oficejon, turnu vin nur al:
D-ro Dietterle, Leipzig W. 31, Seumestr. 10,
aŭ sub ties adreso al: F-ino M. Moelke.

---

**Se vi ankoraŭ bezonas la antaŭajn listojn bonvolu ilin mendi. Sendu al ni adresojn de interesatoj el la kolegaro, al kiuj ni povas sendi la listojn!**

## Atentu!

**Ĉiuj geabonantoj de IPR, kies adreso sur la koverto ne estas en ordo, estas petataj tuj informi la administranton, Kurt Hofmann, Riesa (Germ.), Felgenhauerstr. 63, por ke li povu ordigi la adresaron. Bonvolu skribi tre legeble, plejeble per skribmaŝino aŭ per blokaj literoj!**

## *Bonvolu skribi nur*

*pri aferoj de redakto*
*al la Redaktejo,*

*pri aferoj de abono, anonco kaj mono*
*al la Administranto,*

*pri aferoj de informo*
*al la Sekretariejo,*

*pri aferoj de TAGE-organizo*
*al la Prezidanto!*



## „Mondvojaĝo por Esperanto."

La 1-an de Junio mi forlasos Samaron por fari propagandan vojaĝon tra Rusujo, Persujo, Hindujo, Aŭstralio, Ĉinujo, Japanujo, Ameriko, Eŭropo. Mi intencas paroladi ĉie en kaj pri Esperanto. Kiu volas akompani min? Mi pagos ĉiujn elspezojn de akompanantoj. Skribu al s-ro B. N. Kameŝkov, Buguruslan, sr. volĵ. kraja, Simbirskaja 2 (U. S. S. R.).

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.